# La impresoj de la parolado de S-ro Privat.

La Varsoviaj samideanoj en sia monata kunveno, okazinta la 25 kur. m., ĝuis la veran spiritan festenon dank'al la parolado de S-ro Privat, kiu trapasante Varsovion post sia sukcesplena vizitado de la rusaj urboj: Petersburgo, Moskvo kaj Ĥarkovo bonvolis ĉeesti kaj paroli en tiu ĉi kunveno.

Estas tre malfacile doni la plenan raporton pri tiu ĉi parolado, enhavanta la ekstraordinaran riĉecon da pensoj kaj ideoj, esprimitaj en la belega stilo kaj tamen tute senĝene kaj tre flue.

La parolado de S-ro Privat havas por ni, aŭskultantoj, la multfojan gravecon. Por tiuj, kiuj ĝis hodiaŭ ne povis ĉeesti en niaj kongresoj, ĝi pruvis, kiom flua povas esti nia kara lingvo, kiom libere oni povas Esperante paroli, kiom la prononcado de la fremdulo ne diferencas de nia k. ct. Per la profunda enhavo ĝi devigis ĉiujn multe pripensi, pliriĉigis per la novaj, gravaj argumentoj poresperantaj kaj poresperantismaj, donis la ĝustan respondon je la demando: „Kiu estas Esperantisto" k. t. p.

Sed en la tuta, ĉarma parolado de S-ro Privat la unu fadeno kunligis ĉiujn ĝiajn partojn kaj tiu ĉi fadeno estis la demando pri la estonta organizado de la tuta Esperantistaro, la demando, kiun devas decidi la „Oka kongreso".

Kiel jam pruvis la artikolo en la januara „Pola Esperantisto": „Pri Centra Esperanta Organizo" tiu ĉi demando estas tre grava kaj ni devas laŭ opinio de S-ro Privat jam nun ĉiuflanke tiun ĉi, demandon klarigi al ni, tute pridiskuti, por ke ni ne perdu la tempon en Krakovo, por ke ni alveturu en Krakovon kun la decido, fundamente bazita.

La vidpunkto de S-ro Privat estas tute kontraŭa al la vidpunkto de „Pola Esperanto". S-ro Privat estas la partiano de la projekto de S-ro Hodler.

En la sekvonta numero ni penos citi la plej gravajn argumentojn de S-ro Privat kaj tiel doni la novan klarigon de la demando.

Eble, tiu ĉi prezentado de la du diversaj pensmanieroj elvokos la proponitan de „Pola Esperantisto" kaj tiel dezirindan diskutadon.

**Bejot.**

# Mirakloj de fluida aero.

Pasis jam dekdu jaroj de la tempo kiam inĝeniero Karlo Linde la unua sukcesis produkti fluidan aeron en granda kvanto.

Dum Pariza ekspozicio en 1900 j. estis starigita aparato produktanta fluidan aeron kaj al la vizitantoj oni demonstris ĉiujn ĝiajn miraklajn aplikojn. De tia tempo produktado de mirinda fluidaĵo tiel malmultekostiĝis, ke nun unu litro da ĝi ne kostas pli ol 2 kop. Konstruo de la maŝinoj estas simpla. Ĝi estas bazita sur principo malvarmigi korpojn maldensigante ilin. Forta premilo premas aeron, atingante gradon de forto premo—200 atmosferojn. Poste la aeron oni trafluigas tra la spiralon, kie fortopremo malgrandiĝas ĝis 40 atm. kaj dank' al tio la gaso malvarmiĝas ĝis 40 gradoj. Plue—la spiralon traigas tubeto kaj nova fluo de la malvarmigita aero malaltigas la temperaturon de la unua fluo je 40 gradoj. La proceso ripetiĝas kelkfoje ĝis kiam oni atingos la temperaturon — 190° ĉe kiu gasigita aero sanĝiĝas en blukoloran fluidaĵon.

Litro da ĉi-tiu fluidaĵo egalas 800 litrojn da aero; oni neniel povas konservi ĝin en fermita ujo, tial, ke kiam fluida aero varmiĝas ĝis 140° (ĝia kriza temperaturo) tiam ĝi transformiĝas en gason, kiu sub premo de 800 atmosferoj akiras forton kiun kontraŭstarus neniaj ŝtalaj ujoj. En malfermitaj ujoj la fluidaĵo rapide vaporiĝas kaj sekve iom post iom malaperas. Por konservi fluidan aeron oni inventiis specialajn ujojn kun duoblaj muretoj, kiuj, dank' al tio, ke aero el inter ili estas elpumpita ne tralasas varmon. En tia vazo oni povas konservi la fluidan aeron dum kvar semajnoj.

Eksperimentoj kun fluida aero estas interesplenaj. Ni ja ne kutimis eksperimenti kun tia malalta temperaturo—190°, kaj tial miriĝas niu ĉiuj fenomenoj kaŭzataj de ĝi. Ĉio en la mondo estas relativa. Nature, ke glacio je 4° kiuj estas por ni enkorpiĝo de malvarmo estas tre varmega por vazo da fluida aero, kiu komencas boli—se ni nur starigos ĝin sur glacian platon.

Hidrargo transformiĝas en malmolan korpon similan al plumbo. La martelo el hidrargo aŭ. . . el krema butero eniĝas ŝtalajn najlojn en lignan tabulon. Lumiga gaso sub influo de fluida aero brulas per senkolora flamo

ĉar brulas nur hidrogeno dum karbohidratoj fluidiĝis. Peco da glacio surverŝita de fluida aero ne degelas tutan semajnon, eĉ estante enmetita en kaldronon kun bolanta akvo.

Se ĉi-tiun fluidaĵon enverŝi en vitran kalikon—ĝi krevos, kiel de bolaĵo. Se frostiĝitan de ĝi pecon da viando kuŝiĝi sur porcelanan teleron ĝi krevos kvazaŭ de brulanta karbo. Bukedo enmetita en ĝin, tuj rigidiĝas kvazaŭ porcelana, sed floroj konservas siajn antaŭajn kolorojn kaj aspektojn. Se post tio la bukedon enmeti en akvon kaj frostiĝi ĝin per fluida aero — ni ricevos pecon da glacio kun belkolora bukedo en interno. Fiziologoj antaŭnelonge faris multajn eksperimentojn kun fluida aero kaj vivaj estaĵoj. Ili frostigis akvon kun naĝantaj en ĝi fiŝetoj kaj atendis ĝis kiam la glacio degelos. Malgraŭ la malalta temperaturo la fiŝetoj reviviĝis kaj plue naĝis. Tamen frostiĝintan fiŝeton oni povis dispecigi je eroj, pisti je pulvoro, kiel tute senvivan korpon. Kie do estas la limo inter vivo kaj morto? Ĉar, se tia fiŝeto post frostigo reviviĝis — ekzistas motivo pensi, ke ĝi povus reviviĝi ne nur post unu jaro du, dek, restante en frostigita stato — sed antaŭ post miloj kaj milionoj da jaroj. Kaj se la fiŝeto povis reviviĝi — kiu garantios, ke ĉe speciala maniero kaj ĉe sukcesintaj rimedoj – ni ne povus fari la saman eksperimenton kun pli perfekta organismo—nome kun homo?

Fizike kaj ĥimie tio estas tute ebla. Imagu ke ĉiuj funkcioj ne estas paralizitaj sed momentrapide haltigitaj. Estas komprenebla, ke kiam la haltiginta forto komencos iom post iom malfortiĝi, meĥanismo komencos labori, kaj ĥimiaj elementoj reciproke inkliniĝantaj — rekuniĝos. La energio ne malaperos, kaj la muskolo haltigita momentrapide refunkcios. La samo okazos kun sango kaj tute ne ekzistas kaŭzo pensi, ke ne refunkcios ankaŭ la cerbo.

*M. Ĉ.*

# Fakty.

**Esperanto w Australji.**

Pierwszy Kongres Esperantystów w Australii odbył się z wielkiem powodzeniem w Adelaidzie. Główny naczelnik kraju, gubernator, ministrowie, najwybitniejsze osobistości, poczytywali sobie za obowiązek brać udział w Kongresie i zabierali głos w sprawie języka międzynarodowego. Dzienniki krajowe podały szczegółowe sprawozdania wyrażając się o Esperancie entuzjastycznie.

Jaki będzie wynik tego wielkiego sukcesu i zapału? Bezwątpienia nastąpi rozporządzenie urzędowe obowiązkowego wykładu Esperanta w szkołach australijskich.

Śladem Ameryki, gdzie język pomocniczy wykładanym jest obowiązkowo w szkołach Maryland'u, śladem Azji, gdzie Esperanto również figuruje na liście przedmiotów wykładanych w szkołach wyspy Samos, Australja niebawem zajmie trzecie miejsce na drodze epokowego ruchu kulturalnego. A Europa? zapytacie. Europa? Mój Boże! pomówimy o tem, jeżeli zechcecie, gdy Esperanto będzie wykładanem oficjalnie w szkołach Zanzibaru lub Ubangi.

Jednakże nie bądźmy niesprawiedliwi, gdyż Hiszpanja, pierwsze państwo w Europie, zapoczątkowała oficjalny wykład Esperanta w swoich szkołach i zawiadamiają nas poufnie, że grupa esperantystów Parlamentu fancuskiego niebawem zacznie... ale cicho, sza!

**Różne.**

— Konserwator Muzeum Staranger w Norwegji p. Tor Helliesen, znana osobistość w sprawach sztuki, wydaje obecnie po esperancku katalog w roczniku tegoż Muzeum.

— Dwaj znakomici esperantyści otrzymali obecnie wysokie nagrody, a mianowicie: p. Boirac, rektor uniwersytetu w Dijon, któremu Akademja Sztuk Pięknych przyznała nagrodę Fanny Emden w ilości 2000 fr. za jego dzieło p. t. „Psychologja nieznana" i p. Génermont, czynny Delegat U. E. A. w Paryżu, któremu Rada Wyższa Szkoły Narodowej Sztuk Pięknych przyznała nagrodę Fouet (sekcja architektoniczna) wysokości 750 fr.



Krakovo. Reĝa kastelo „Vavel"; flanko de la rivero Vistulo.

## Kroniko.

**Edziĝo.**

La 10-an de Februaro en Vilanov apud Varsovio okazis edziĝa ceremonio inter S-o **Mieczysław Czerwiński**, Sekretario de nia Redakcio, kaj F-ino **Zofja Koch**.

Al la juna kaj simpatia paro ni sendas plej korajn bondezirojn.

„Vivu longe paro juna!
Vian ligon benu Dio!
Floru amo, harmonio,
En feliĉa vivo kuna!"

**J. G.**

**Tra Galicio.**

**Lwów.** Ĵus komenciĝis lasta kurso antaŭ kongreso de Esperanto por anoj de „Teknikista Grupo de Esperantistoj", Kurson kondukas S-ro Gisges. Samtempe „Teknikista Grupo" aranĝis publikan kurson en Societo: „Wzajemna Pomoc słuchaczów politechniki" (str. Z. Chrzanowskiej 8).

La 13-an de februaro okazis en ĉi-tiea „Societo Esperanto" Danca Vespero, kiun partoprenis preskaŭ 200 personoj. Sufiĉe grandan profiton oni uzos por pli granda propagandado de Esperanto per aranĝo de publikaj kursoj de nia lingvo.

**Stanisławów.** Dank' al klopodoj de S-ro Kvitner fondiĝis tie-ĉi la 1-an de Februaro „Esperanto-Societo Zamenhof".

Aliĝis 22 personoj. Prezidanto estis elektita D-ro Ignacy Alfert, advokato, kiel I-an sekretarion oni elektis D-ron Adolf Alfert (advokato), kiel II-an S-ro Kvitner.

Adreso de la societejo estas str. Sapieżyńska 18.

En **Żarszyn** nia fervora samideano D-ro med. Kazimierz Lewiński fondiĝis „Societon Esperanto" al kiu apartenas dekkelkaj personoj el Żarszyn kaj ĉirkaŭaĵo. Kiel prezidanto estas elektita Pastro Józef Antosz el Jaćmierz.

En **Noweseło koło Podwołoczysk** fondiĝis unua en Galicio „Grupo de ukrainaj esperantistoj". Prezidanto estas elektita pastro Ewhen Witoszyńskyj, sekretario: S-ro Łes Denysiuk, Delegito de U. E. A.

*Wł. Gierc.*

### KRONIKA POWSZECHNA.

**Anglja.**

*Londyn.* Dzięki energicznej agitacji „Esperanckiego klubu prasy", prasa angielska popiera propagandę Esperanta, zamieszczając przyjazne artykuły o naszej sprawie.

*Dublin.* P. J. Johnson prowadzi kursy Esperanta, na które uczęszcza wielu znakomitych lekarzy.

**Francja.**

*Angers.* Izba handlowa przyznała 50-o frankowe subsydjum miejscowej grupie esperantystów.

— Pismo *„Le Cri d'Angers"* — otworzyło stałą esperancką rubrykę.

*Lille.* Blizko 2,000 uczniów szkół w Lille przeszło kursy Esperanta.

*Grenoble.* W wyższej szkole dla chłopców, w szkołach dla dziewcząt, w szkołach elementarnych—wykładany jest Esperanto 750 uczniom płci obojga.

*Bordeaux, Cherbourg, Vieux Condé; Vicq i Fresnes.* Wykłady Esp. — w szkołach elementarnych i średnich.

**Włochy.**

*Perdenone.* Rezultatem konferencyi i kursu prow. przez księdza Bianchini — było utworzenie katolickiego towarzystwa esperantystów.

*Verone.* Prelegent esperancki p. E. Privat mówił o Esperancie w „Università popolare“ — przed 300-ma słuchaczami.

*Genova.* W pięciu szkołach handlowych jest wykładany jęz. Esperanto.

**Danja.**

*Kopenhaga.* Wykłady Esperanta zostały zaprowadzone fakultatywnie w Szkole handlowej.

*Randers.* Powstał klub robotników—esperantystów.

**Austro-Węgry.** *Wiedeń.* Deputowany A. Fried pacyfista, autor esperanckich podręczników, otrzymał pokojową nagrodę Nobla (rok 1911).

*Kolozsvàr.* Kalifornijczyk p. Parrish wygłosił po esperancku odczyt o Kalifornii, ilustrowany przezroczami. Byli obecni profesorowie Uniwersytetu, biskup i miejscowa inteligiencja.

*Gratz.* Przy Uniwersytecie powstał kurs Esperanta.

**Czechy.** *Mikulovice.* Na skutek starań p. Jerabka, nauczyciela, zaprowadzono *obowiązkowe* dla wszystkich uczniów wykłady Esperanta w 3-ch klasach miejscowej szkoły.

**Meksyk.** Nowy minister Nauczania publicznego na dowód sympatji dla Esperanta ofiarował klubowi esperanckiemu bezpłatny lokal i światło. Rzeczą godną zaznaczenia jest, że poprzednik obecnego ministra był nieprzyjacielem Esperanta.

## El Esperanta Mondo.

**Esperanta-Psikistaro.**

La *Esperanta-Psikistaro*, internacia uniĝo por psiksima studado per Esperanto, kies honora prezidanto estas S-ro Boirac, eldonis du interesplenajn broŝurojn. En la unua, kiu estas kunlaborada verketaro, aperas artikoloj de S-roj Boirac (Pri Esperantismo kaj Psiksimo); C. Flammarion (La Psikaj Faktoj); J.-C. Chaigneau (De Psiksimo al Homaro Intergrala); Le Cornec (Esperanto kaj Spiritualismo); K-o Darget (Pri la homa destino kaj Dio), ktp.

La dua broŝuro enhavas plenan raporton pri la subkongreso de la E. P., okaze de la *Sepa*. En ĝi oni povas legi la raporton de la sekretario kaj detalajn informojn pri la psikaj eksperimentoj faritaj en Antwerpen (Sugestiaj tiptologiaj kaj hipnotismaj eksperimentoj). Provo de psiksima terminaro finas la broŝuron kiun, kiel la alian, oni povas mendi, *senpage*, ĉe: Sekretariejo de E. P. 26, rue Appelmans, Antwerpen (Belgujo).

**M. G.**

**Akademio Esperantista.**

Laŭ voĉdonado, la estraro de la Akademio kaj lingva komitato estos ĝis aŭgusto 1914 j.: prezidanto — S-o Ed. Boirac; vicprezidanto — S-oj K. Bein kaj Mybs; direktoro de la sekcio pri gramatiko — S-o A. Grabowski; direktoro de la sekcio pri komuna vortaro — S-o Th. Cart.

## Nekrologio.

**D-ro Gabrielo Robin.**

26-an de Decembro 1911 j.. mortis en Bukureŝto unu el fondintoj de jurnalo Danubo, fervorega kondukanto de rumana esperantistaro, D-ro Gabrielo Robin.

La Redakcio de Danubo tiavorte adiaŭas sian amatan direktoron:

„Tro, tro frue vi foriris, kara Direktoro, nia ideala movado vin bezonis! Sincera vi estis kaj justama, konscienca vi estis kaj fidela. Ankaŭ nia Fundamento perdas en vi unu el siaj plej fervoraj defendantoj. Ofte oni vin malbone komprenis, sed vi ĉiam restis supera noblulo.

Sed ankaŭ por viaj ĝisnunaj laboroj, mi vin dankas. La standardon, kiu elfalis el viaj manoj, ni relevos kaj, vin imitante, marŝos antaŭen. Al ni vi estos ekzemplo ĝis nia lasta horo!“

Ricevu, Rumanaj esperantistoj esprimon de niaj profundaj, samideanaj, malĝojaj kunsentoj.

**Amatus Van der Biest-Andelhof.**

22-an de Januaro, 1912, mortis en Antverpeno ĉef-redaktoro de Belga Esperantisto

prezidanto de Antverp. Grupo Esper. kaj prezidanto de la Sepa Kongreso, *Amatus Van der- Biest-Andelhof*.

La multbedaŭrata sankt-memorato estis unu el veraj tutanimaj esperantistoj plenaj da ardo por nia sankta ideo. Lia energio, sindonemo por nia afero, forta kredo je fina glora venko de Esperanto vivigadis belgajn samideanoj, kiuj en s-m *Van der Biest* perdis veran amikon kaj kondukanton.

Al belgaj samideanoj ni esprimas nian koran kondolencon.

**Franciszek Jastrzębiec-Grabowski.**

La 20-an de Februaro, atinginte la aĝon de 91 jaroj, mortis en Toruń apud Vistulo kaj ripozas en sia tombo familia, *Franciszek Jastrzębiec Grabowski*, la sankt-memorata patro de la prezidanto de niaj pola Esperantista Societo.

La mortinto konservis ĝis la lasta tempo siajn animfortojn kaj la memoron pri la okazintaĵoj el sia escepte longa vivo.

Instruita agronomo kaj homo progresema li interesiĝis pri ĉiuj nuntempaj kultur-celadoj kaj li havis ankaŭ vivan simpation por nia granda afero Esperanta.

Li ripozu en paco!

Al la dolore ĉagrenigita, S-o Antoni Grabowski prezidanto de Pola Esp. Societo, ni esprimas nian sinceran kondolencon. *Red.*

## Bibliografio.

**La Biblio.** Dua Libro. Eliro, El la originalo tradukis D-ro L. L. Zamenhof. Paris. Librairie Hachette et C-ie. 1912, paĝoj 100, prezo Fr 2.

Mi konstatas kun ĝojo, ke la grandega laboro, per kiu nia Majstro deziras kroni sian verkaron progresas senhaltę. La dua libro de Moseo estas esperantigita kaj kiel preta libro ricevebla en la librista komerco, dum la ĉapitroj de la tria libro ornamas la paĝojn de „la Revuo", pligrandigante la trezorojn de la fundamenta stilo esperanta. *A. G.*

**Espersteno. Alfaro de la Pitmana Sistemo de Stenografio al Esperanto.** Eldonita de la Alfarinto: J. Catton, 32 Oswald Road, St Albans, Anglujo. Prezo 50 Sd, afrankite. Paĝoj 24.

Samtempe kun la disvastiĝado de Esperanto kaj ĝia ĉiam pli ofta uzado en publikaj paroladoj kreskas ankaŭ la bezono de bonaj stenografiistoj. Sed ĉar la esperantaj stenografiistoj preferas ĉiam sian hejmlandan stenografian sistemon, do la adaptoj esperantaj estas jam multenombraj. La plimulto de anglelingvaj stenografiistoj uzas la sistemon de Pitman, do por ili estas precipe destinita la alfaro de s-ro Catton, kvankam ankaŭ alilingvaj stenografistoj, interesiĝantaj ĝenerale pri la arto de rapidskribado, ricevas per la libreto novan materialon por komparado. *A. G.*

**Kaŭkaza kaptito de L. N. Tolstoj.** Tradukis A. N. Šarapova. Moskva Librejo „Esperanto 26 Tvevskaja str. 1911. Paĝoj 48, prezo 10 kop. (Sm. 0,10).

Tiu-ĉi bela rakonto estas № 3-a de la „Rusa biblioteko", kiu enhavas en siaj antaŭaj volumetoj verketojn de Ĉirikov kaj Ĉeĥov en tradukoj de K. Bein kaj B. Kotzin. La traduko de la „Kaŭkaza" estas ĝenerale sufiĉe bona, nur ĝi sekvas tro laŭvorte, tro sklave la stilon kaj la vortordon de la originalo. Tia maniero de tradukado havas certe kelkan valoron: ĝi permesas al la samnacianoj de l' aŭtoro preskaŭ ĝui la stilon de l' originalo, ĉar ĝi reproduktas ĝin kvazaŭ fotografie per Esperanto; tamen tiu-ĉi ĉarmo perdiĝas por la alilandanoj, ne sciantaj la lingvon rusan, kaj ili ricevas de la legado nur ian strangan impreson. Pli grave estas ke tio malfaciigas al ili la komprenon. *A. G.*

**W. Barnes Rhodes. Bombasto Furioza.** Burleska Tragedia Opereto en unu akto. Tradukita de Charles Stewart. M. A. (Cantab). Kun portreto de la tradukinto kaj ilustraĵoj. Londono. Brita Esperantista Asocio, 132 — 136 High Holborn W. C. 1911. Paĝoj 24. Prezo 7 d afrankite.

La tradukinto de tiu-ĉi gaja opereta tekstlibreto estas jam konata al la esperantistaro kiel aŭtoro de la komedio. „La antaŭdiro" kaj kiel tradukinto de la komedioj „Boks kaj Koks el Morton" kaj „La Nevo kiel onklo el Schiller". La bonega portreto, kiu ornamas le bele eldonitan libreton agrable memorigos al la ĉeestintoj de niaj tutmondaj kongresoj la noblajn trajtojn de nia respektinda samideano, kiu malgraŭ sia aĝo laboras por la sankta afero kun juneca entuziasmo. Ni ne bezonas aldoni ke la lingvo estas tute korekta, laŭ fundamenta. La blankaj versoj, per kiuj la opereto estas verkita, fluas ritme kaj harmonie.

*A. G.*

**Karaktero.** Laŭ Mr. J. M. Van Stipriann Luiscius, advokato en Hago. Tradukita laŭ la kvina eldono de l' nederlanda originalo. Hago. 1912. Librejo „Espero". Paĝ. 32, prezo 0,20 Sm.

Jen verketo. kiu ne povas esti sufiĉe rekomendata al la legantoj. Eldono bela—lingvo korekta, (ni rimarkis nur la vortojn „pedanto" kaj „admoni" uzitaj malĝustasence). kaj super ĉio la interesa kaj instrua ,riĉa enhavo faras la libron tre leginda, precipe por ĉiuj kiuj volas formi en si la karakteron, t. e. la konstantan volon aranĝi sian faradon kaj detenadon laŭ antaŭe decidita plano. La aŭtoro respondinte je la demandoj: Kio estas karaktero, kaj kiel oni formas la karakteron, parolas pli vaste pri tio, el kio konsistas bona karaktero en la tre klare kaj konvinke verkitaj paragrafoj pri: bonvoleco, ĝentileco, devokonscio, modesteco, dankemo, takto, memregado, precizeco, kuraĝo, gajeco, volforto, pacienco, honesteco, veramo, justeco, seriozeco. simpleco, memfido, patrujamo, pacamo, toleremo, kontenteco, bonmaniereco, spiritforto.

La raportanto, kiu legis tiun libreton al sia filo, dezirus, ke ĝi estu vaste diskonigata inter nia esperanta junularo. *A. G.*

**Edmondo Privat. Du Paroladoj.** Paris. Presa Esperantista Societo 1911. Kolekto de „Lingvo Internacia". Paĝ. 16, prezo Sm. 0,10.

En tiu-ĉi libreto ni trovas la paroladojn eldiritajn de S-ro Privat: dum la esperantista kongreso en Barcelono pri „Vivanta lingvo de vivanta popolo" kaj dum la 1-a Kongreso de U. E. A. en Augsburgo pri „La vivo de nia lingvo". Ili aperas nun en formo de bela libreto, kiun prof. Th. Cart honorigis per propra antaŭparolo. Jam tiu-ĉi lasta cirkonstanco sufiĉus anstataŭ ĉiu laŭdo de l' raportanto, se la nomo de Edmondo Privat ne estus tiel ĝenerale konata inter la esperantistaro pro liaj eminentaj oratoraj kapablecoj.

La paroladoj enhavas tiom da gravaj, veraj kaj belege eldiritaj pensoj pri nia lingvo kaj afero, ke ili estos volonte relegataj. *A. G.*

**Aliaj verkoj ricevitaj kaj recenzotaj en la venontaj n-roj:**

**Raporto pri la Sepa Kongreso. Kara Panjo,** komedieto en unu akto de W. Gordon, trad. de Gego; **Klarigo pri Unitara Kristanismo,** de R. Armstrong, trad. de A. J, Hulme; **Ĝil Blas de Santillana,** de Lesage, trad. de R. Busquet; **Tri mortoj,** de Leo Tolstoj, trad. de M. Ŝidlovskaja; **Parizina,** de Lord Byron, trad. de D-ro V. Da Silva; **Portreto,** rak. de Gogol, trad. de D-ro A. Fiŝer; **Maja Nokto,** de Gogol trad. de R. Frenkel, **Ruslanda Adresaro, Historio de Esperanto** de D-ro A. Fiŝer; **La plej bonaj spritaĵoj** kolekt. de H. Jost; **Pri Esperanta Literaturo** de E. Privat; **El la Domo tie kontraŭa** skizo de A. Behrendt, **La krimoj de Dio** de Seb. Faure, trad. L. Carlos k. F. Boukin, **La lasta Usonano,** trad. de L Wendel; **Skizoj el mia propaganda vivo** de A. Marich; **Mazepa,** tragedio Juljusz Słowacki trad. A. Grabowski; **Halka,** teksto al la opero de Moniuszko, trad. A. Grabowski; **Fabiola,** de kardinalo Wiseman, trad. de E. Ramo, **Esperantista kalendaro por 1912.** red. de D-ro A. Schramm, **Sepa Universala Kongreso de Esperanto,** (Esper. Dokumentaro); **Signifo de akciaj socentoj por la Esp. movado,** de A. A. Saĥarov; **La turisto kun la Verda Stelo,** de O. Van Schoor, **Venĝo Venĝita,** de D-ro A. Rudy, **Krakovo,** gvidlibro: **Ostlorn vilaĝaj skizoj,** de S. Ulfers; **Elekto el Germana Kanttrezoro de Erk,** notoj kun esperanta teksto; **Disrompu ni la intermurojn,** de D-ro A. H. de Hartog; **Oficiala Jarlibro de U. E. A.** por 1912 j. **Pourqoi les postiers doivent apprendre, l' Esperanto** de G. Chavet.

---

## Revuo de la Gazetoj.

(31|I) **Bohema Revuo Esperantista** (Januaro).

(31|I) **La Revuo** (Februaro).

(1|II) **Monda Poŝto** (25 Januaro).

(1|II) **Lingvo Internacia** (Januaro).

(1|II) **La Kulturo** (Januaro). Gazeto de Bohema Laboristaro Esperantista en Aŭstrio; boheme kaj Esperante; monata; jarabono—0,84Sm. Red. — Praha II Lipova ul. № 8 (Bohemujo).

La gazeto uzas Esperanton, kiel rimedon por propagando de antinaciismo, antimilitarismo, socialismo kaj de parencaj al ili „ismoj". Ni protestas, ke tian propagandon oni nomu „vera esperantismo".

(5|II) **Germana Katoliko** (Januaro).

(5|II) **La Langue Internationale Esperanto** (Januaro kaj Februaro).

La revueto por profesoroj de Esperanto kaj por iliaj instruatoj, france k. Esperante, monate, jare — 1 fr. Red. 39 Grande Rue, á Lauhaus (S. et L.).

(6|II) **Antaŭen!** (Februaro).

(6|II) **The British Esperantist** (Februaro).

(6|II) **Germana Esperanto-Gazeto** (4 Februaro).

(8|II) **La Movado** (Februaro).

(9|II) **Oficiala Gazeto Esperantista** (25 Januaro).

(10|II) **Mitteilungen** (Februaro).
(10|II) **Germana Esperanto-Gazeto** (11 Februaro).
(10|II) **Esperanto** (5 Februaro).
(12|II) **Kataluna Esperantisto** (Jan. k. Febr.).
(12|II) **Tutmonda Espero** (Januaro).
(12|II) **Rund um die Welt** (Februaro).
(12|II) **Normanda Stelo** (Febtuaro).
(12|II). **Svisa Espero** (Januaro).
(13|II) **Bulletin Officiel** (Februaro).
(13|II) **La Dek-Sepa** (Februaro).
(13|II) **La Ondo de Esperanto** (Februaro).
(16|II) **Espero Katolika** (Februaro).
(19|II) **Sarta Stelo** (Januaro k. Februaro).
(19|II) **Nova Sento** (Februaro).
(19|II) **La Holanda Pioniro** (Februaro).
(19|II) **German-Aŭstria Esperantisto** (Februaro).
(20|II) **Juna Esperantisto** (Februaro).
(20|II) **Universo** (XII-a kajero).

Bonega recenz-artikolo pri opero „Halka" kun ilustraĵoj—verk de R. Maske.

(21|II) **Nederlanda Katoliko** (Januaro).
(22|II) **Belga Esperantisto** (Februaro).
(22|II) **Le Monde Espérantiste** (Februaro).
(24|II) **Lingvo Internacia** (Februaro).
(24|II) **La Kulturo** (Februaro).
(24|II) **Agagan** Armenlingva gazeto kun artikoloj pri Esperanto (Tebrizo, Rusujo).
(24|II) **Lingvo Internacia** (Fobruaro).
(25|II) **Greklingva Esperantisto** (Januaro).
(25|II) **Tutmonda Espero** (Februaro).
(25|II) **Internacia Pedagogia Revuo,** Oficiala Organo de la Intern. Asocio de instruistoj, membra kotizaĵo kun la monata revuo—1 Sm. 8-paĝa, red. esperante.

Oni adresu: S-o Jacobs, Boomsche Steenweg 444 Antwerpen, Belgujo.

(25|II) **Orienta Azio** (Januaro).

Tre originala, malgrandformata, japanmaniere eldonata revuo kun desegnaĵoj. La teksto eble povus esti pli interesa, sed la unaj paŝoj ne decidas pri plua irado. Ni deziras al la revuo sukceson.

La revuo aldonas kajeretojn de kurso de ĥina kaj japana lingvoj, per Esperanto.

La abonprezo — 1,20 Sm. jare; la adreso: Sekaige — Soin Oŭsakimaĉi Ebaragun, Tokio Japanujo.

(25|XI) **Esperanto** (20 Febr.)
(25|II) **Danubo** (Januaro).
(25|II) **Svisa Espero** (Februaro).
(27|III) **Germana Esperanto-Gazeto** (25 Febr.).
(27|II) **Amerika Esperantisto** (Februaro).
(29|II) **La Revuo** (Marto).

S-o prof. Bourlet, direktoro de esperanta fako en grandega eldonejo de Hachette & C-o en Parizo skribas en sia babilado:

... „anstataŭ hazarde sencela, laŭ persona gusto, eldoni centojn da diversaj romanoj, noveloj, teatraĵo. k. c., ni koncentriĝu niajn fortojn al metoda eldonado de lernolibroj en Esperanto. Ni demandu nin: „Kion bezonas antaŭ ĉio popolo por instruiĝo?" Tiam ni facile stariĝos liston da unuaj elementaj lernolibroj pri literaturo, historio, geografio, matematiko kaj diversaj sciencoj. Mi estas certa, ke deko da bone verkitaj, tre simplaj kaj klaraj libretoj sufiĉus. Tio estus grava materialo."

(1|III) **Le Travailleur Esperantiste** (Febr).

# Lingva anguleto.

Al D-ro G. el Zam., kiu riproĉas nin pro konstanta uzado de kvazaŭ ekzistanta laŭ lia opinio, sufikso „or" ni respondas, citante ĉisuban klarigon de nia Majstro D-ro L. L. Zamenhof (vidu la Ofic. Gazeton).

*La uzado de vortoj kun pseŭdo-sufiksoj „cio", „toro" k. t. p.*

„... Kelkaj samideanoj... diras, ke de tiaj vortoj ni devas preni nur la radikan formon (ekz.: „civiliz", „redakt"), kaj ĉiujn devenajn formojn uzi nur kun sufikso aŭ finiĝo pure *Esperanta* (ekz.: „civilizo", „redakteio", redaktisto", anstataŭ „civilizacio", „redakcio", „redaktoro"). Kompreneble, se tia vorto, kiel ekz. „redaktejo", estus tute identa kun la vorto „redakcio" kaj povus ĝin perfekte anstataŭi, certe neniu el ni plendus, se la vorto „redakcio baldaŭ malaperus el nia lingvo; sed se iu diras: ke la formoj pseŭdo-sufiksaj estas *kontraŭ-Esperantaj,* aŭ ke ili prezentas malaprobindan enkondukon de *novaj vortoj,* mi opinias, ke li eraras. Tiaj formoj, kiel ekz. „redakcio", „civilizacio" estas nek kontraŭ-Esperantaj, nek novaj, ĉar laŭ la § 15 de nia gramatiko, ili plene apartenas al nia lingvo jam de la unua momento de ĝia naskiĝo. Ni povas *esperi,* ke pli aŭ malpli frue la pseŭdosufiksaj vortoj „fremdaj" fariĝos arĥaismoj kaj cedos sian lokon al vortoj „pure-Esperantaj" ni povas eĉ *konsili* tion; sed *postuli* tion ni *ne* povas, ĉar la diritaj vortoj ne sole havas en nia lingvo (laŭ la § 15) plenan rajton de ekzistado, sed ankoraŭ dum longa tempo multaj el tiuj pseŭdo-sufiksaj vortoj estos pli oportunaj, pli naturaj kaj pli kompreneblaj, ol la ilin anstataŭontaj vortoj „pure Esperantaj". Ne venis ankoraŭ la tempo, ke ni estu tro pedantaj. Estas vero, ke sekve de nia toleremeco ni por kelkaj vortoj havos dum kelka tempo formojn *duoblajn* (ekz.: „evolucio" kaj „evoluo"); sed ŝajnas al mi, ke estas multe pli bone havi en la unua tempo ian „embarason de riĉeco", ol malutili al si per ia ne sufiĉe matura dekreto, eljetante el la lingvo vortojn, kies eljetindeco ne estas ankoraŭ por ni tute certa".

**Respondoj de le Red. — pro manko da loko — letere.**

Redaktor-Wydawca Eldonanto-Direktoro **Jan Günther.** Tel. 204-60. Sekretarz Sekretario **M. Czerwiński**

Presejo: L. Bogusławski, Varsovio. S · Krzyska 11, tel. 195-52.

stego znaczenia (np. *ĝoji je tio* cieszyć się *z* tego; *malsana je la okuloj* chory *na* oczy; *enuo je la patrujo* tęsknota *za* ojczyzną i t. p.). Jasność języka wcale wskutek tego nie szwankuje, albowiem w tym razie wszystkie języki używają jakiegokolwiek przyimka, byle go tylko zwyczaj uświęcił; w języku zaś międzynarodowym sankcya we wszystkich podobnych wypadach nadana została *jednemu* tylko przyimkowi *je*. Zamiast przyimka *je* używać też można biernika bez przyimka tam, gdzie nie zachodzi obawa dwuznaczności.

15) Tak zwane wyrazy „cudzoziemskie" t. j. takie, które większość języków przyjęła z jednego obcego źródła, nie ulegają w języku międzynarodowym żadnej zmianie, lecz otrzymują tylko pisownię języka Esperanto; przy rozmaitych wszakże wyrazach jednego źródłosłowu, lepiej używać bez zmiany tylko wyrazu pierwotnego, a inne tworzyć według prawideł języka międzynarodowego (np. *teatro* — teatr, lecz teatralny — *teatra*).

16) Końcówkę rzeczownika i przedimka można opuścić i zastąpić apostrofem (np. *Vagner'* zam. *Vagnero*, *de l' mondo* zam. *de la mondo*).

## Słowa pochodne.

Z każdego pierwiastka w języku Esperanto można zgodnie z zasadami gramatycznemi i prawidłami formować sobie wiele wyrazów pochodnych. Dzięki temu słownik niezbędny do potocznej rozmowy, może być zredukowany do rozmiarów minimalnych. Ażeby z jednego wyrazu formować inne wyrazy, posiłkujemy się:

1) Końcówkami gramatycznemi np.: *koleri* gniewać się, *kolero* gniew, *kolera* gniewny, *kolere* gniewnie, *mi koleras* gniewam się; *morti* umierać, *morto* śmierć, *morta* śmiertelny, *mortinto* nieboszczyk; *tuj* zaraz, *tuja* natychmiastowy; *paroli* mówić, *parolo* mowa, *parolanto* mówca i t. p.

2) Łączeniem słów; np.: *eniri* wchodzić (*en* w, *iri* chodzić), *eliri* wychodzić (*el* z, wy...), *aldoni* dodawać (*al* do *doni*, dawać); *ŝvitbanejo* łaźnia (*ŝviti* pocić się, *banejo* łazienka); *vaporŝipo* parostatek (*vapor'* para, *ŝip'* okręt).

3) Dodawaniem do pierwiastków prefiksów (przybranek) i sufiksów (przyrostków), które mają znaczenie oddzielnych słówek; każdy z nich ma swoje określone znaczenie i znajduje się w słowniku.

## PREFIKSY.

**mal** — oznacza wprost przeciwieństwo, np. *bona* dobry, *malbona* zły („nie dobry" tłómaczy się *ne bona*), *estimi* szanować, *malestimi* pogardzać, *bela* piękny, *malbela* brzydki, *beni* błogosławić, *malbeni* przeklinać.

**bo**—powinowactwo, np.: *patro* ojciec, *bopatro* teść, *bopatrino* teściowa, świekra, *frato* brat, *bofrato* szwagier, *filino* córka, *bofilino* synowa.

**ge** — dwoje osobników różnej płci, np.: *patro* ojciec, *gepatroj* rodzice, *mastro* gospodarz, *gemastroj* oboje gospodarstwo.

**ek**—początek lub krótkotrwałość, np.: *kanti* śpiewać, *ekkanti* zaśpiewać, *brili* błyszczeć, *ekbrili* błysnąć. (Porów. sufiks ad).

**re**—zwrot, powtórzenie, np.: *iri* iść, *reiri* wrócić, *doni* dać, *redoni* oddać, *reveni* powrócić.

**dis** — roz-, np.: *ĵeti* rzucić, *disĵeti* rozrzucić, *disdoni* rozdać.

## SUFIKSY.

**in**—oznacza rodzaj żeński, np.: *patro* ojciec, *patrino* matka, *frato* brat, *fratino* siostra, *koko* kogut, *kokino* kura, *bovo* wół, *bovino* krowa.

**id**—dziecię, potomek, np. *hundo* pies, *hundido* szczenię, *koko* kogut, *kokido* kurczę, *bovido* cielę.

**vir**—oznacza płeć męzką, np.: *ĉevalo* koń, *ĉevalviro* ogier, wałach; *virhundo* pies, samiec.

**an**—członek, mieszkaniec, np.: *regno* państwo, *regnano* obywatel, *vilaĝo* wieś, *vilaĝano* wieśniak, *Varsoviano* Warszawianin.

**ul**—osoba z pewnym przymiotem, np.: *malsaĝa* głupi, *malsaĝulo* głupiec, *riĉa* bogaty, *riĉulo* bogacz.

**ist**—zajmujący się pracą, rzemiosłem, specyalnością, np.: *laboro* praca, *laboristo* robotnik, *boto* but, *botisto* szewc, *lavi* prać, *lavistino* praczka, *kuraci* leczyć, *kuracisto* lekarz, *ŝteli* kraść, *ŝtelisto* złodziej.

**estr** — zwierzchnik, np.: *ŝipo* okręt, *ŝipestro* kapitan okrętu, *regno* państwo, *regnestro* panujący.

**ar** — zbiór, np.: *arbo* drzewo, *arbaro* las, *ŝtupo* stopień, *ŝtuparo* schody, *vorto* wyraz, *vortaro* słownik, *militistaro* wojsko.

**er**—cząstka zbiorowej całości, np.: *sablo* piasek, *sablero* ziarnko piasku, *fajro* ogień, *fajrero* iskra.

**ec** — przymiot jako oddzielne pojęcie, np.: *bela* piękny, *beleco* piękność, *bona* dobry, *boneco* dobroć, *virino* kobieta, *virineco* kobiecość, *amiko* przyjaciel, *amikeco* przyjaźń.

**aj**—rzecz z określonym charakterem lub produkt z danego materyału, np.: *malnova* stary, *malnovaĵo* starzyzna, *fruktaĵo* coś zrobionego z owoców.

**il**—narzędzie, np.: *haki* rąbać, *hakilo* siekiera, *kudri* szyć, *kudrilo* igła, *tondi* strzydz, *tondilo* nożyce.

**ing** — przedmiot, służący do obsady innego przedmiotu, np.: *kandelo* świeca, *kandelingo* świecznik, *plumo* pióro, *plumingo* obsadka.

**uj**—rzecz zawierająca..., roślina wytwarzająca..., kraj, np.: *cigaro*, cygaro, *cigarujo* cygarnica, *pomo* jabłko, *pomujo* jabłoń, *polo* Polak, *Polujo* Polska.

**ej**—miejsce do pełnienia danej czynności, np.: *kuiri* gotować, *kuirejo* kuchnia, *preĝi* modlić się, *preĝejo* kościół, *lernejo* szkoła.

**et** — zdrobniałość lub zniżenie stopnia przedmiotu, np.: *monto* góra, *monteto* górka, wzgórek, *ridi* śmiać się, *rideti* uśmiechać się, *dormi* spać, *dormeti* drzemać.

**eg**—wzmożenie się co do wielkości lub co do natężenia, np.: *pordo* drzwi, *pordego* brama, *pluvo* deszcz, *pluvego* ulewa, *varma* ciepły, *varmega* gorący.

**ig**—czynić czem, jakiem, skłaniać do czego, np.: *pura* czysty, *purigi* czyścić, *morti* umierać, *mortigi* zabijać, *edzigi* żenić.

**iĝ**—stawać się, np.: *pala* blady, *paliĝi* blednąć, *fianĉo* narzeczony, *fianĉiĝi* zaręczyć się, *al* do, *aliĝi* przyłączyć się.

**ind** – godzien, wart, np.: *kredi* wierzyć, *kredinda* wiarogodny *laŭdi* chwalić, *laŭdinda* godny pochwały, *memori* pamiętać, *memorinda* godny zapamiętania.

**ebl**—możliwy, np.: *fleksi* giąć, *fleksebla* giętki, *povi* módz, *povebla* możliwy

**em**—skłonność, np.: *kredi* wierzyć, *kredema* łatwowierny, *ŝpari* oszczędzać, *ŝparema* oszczędny

**ad**—częstotliwość lub trwanie, np.: *iri* iść, *iradi* chodzić, *esti* być, *estadi* bywać. (Porównaj: ek).

**ĉj** — zdrobniałe imiona własne męskie, np.: *Petro*, Piotr, *Peĉjo* Piotruś, *Jaĉjo* Jaś.

**nj**—zdrobniałe imiona własne żeńskie, np.: *Mario* Marya, *Manjo* Mania, *Helenjo* Helenka.

**um**—nie ma określonego znaczenia i używa się w tych razach, gdy inny sufiks niedość określiłby wyraz dany, np.: *plena* pełny, *plenumi* spełnić.

## En la Administracio de „Pola Esperantisto“ estas aĉeteblaj

ELDONOJ DE JAN GÜNTHER:

„LA JUĜO DE OZIRIS" — belega satira majstro-verko de Henryk Sienkiewicz, trad. *A Grabowski* 20 k.
„KIO OKAZIS FOJE EN SIDONO" — novelo de H. Sienkiewicz, tradukis *A. Grabowski* 25 k.
„PROTESILAS KAJ LAODAMIA". Tragedio de St. Wyspiański, trad. *D-ro Leono Zamenhof* 50 k.
„EN FUMEJO DE L' OPIO" — novelo de Władysław Reymont, tradukis *D-ro K. Bein (Kabe)* 20 k.
„AVE PATRIA, MORITURI TE SALUTANT" de Władysław Reymont, trad. *D-ro Leono Zamenhof* 25 k.
„CONSILIUM FACULTATIS" unuakta komed. de J. A. Fredro, trad. el pola lingvo *A. Grabowski* 40 k.
„NOVA ANTOLOGIO" kolekto de poemoj de diversaj poetoj, tradukis *A. Grabowski* 25 k.
„NI SEKVU LIN" novelo de H. Sienkiewicz. Tradukis *Br. Kuhl* (62 paĝ.) 40 k.
„KELKAJ NOVELOJ" el diversaj aŭtoroj. Trad. *A. Ossowski, H. Hempel, Kuhl, Gorgan, N. Kordo* 25 k.
„MIA LIRO", kolekto de poemoj de D-ro Leono Zamenhof (Lozo) 25 k.
„IMPROVIZACIO de KONRAD" el „Dziady" de A. Mickiewicz, trad. *Roman Iwo Dobrzański* 25 k.
„ANTAŬEN KUN KREDO!" -jarlibro de „POLA ESPER." por 1911 j.—50 k; por neabonantoj 1.00 k.
„LA NEĜO", 4 akta tragedio de S. Przybyszewski, trad. *T. Ficowski*; por neabonantoj 50 k.

Aparte broŝuritaj el la jarlibro „Antaŭen kun kredo!":

„HISTORIOZOFIO DE LINGVO INTERNACIA" de *St. A. Dobrzański* 05 k.
„MIA POŜHORLOĜO" novelo de M. Konopnicka trad. *Kazim. Bein (Kab* 15 k.
„PAX" novelo de Jerzy Żuławski, trad. *Wł. Grabowski* (Krakovo) 20 k.
„SOMMO-SIERRA" la fragmento el „Uragano" de Wł. Gąsiorowski trad. *D-ski* 10 k.
„LA ĜEMO DE L' VIVO" el „Pan Graba" de Eliza Orzeszkowa trad. *M. Czerwiński* 15 k.
„LIBROJ DE PROFETOJ" filozofiaj poemoj de Antoni Lange, trad. *A. Grabowski* 15 k.
FABELO PRI LA HOMO FELIĈA" novelo de Jerzy Żuławski, trad. *M. Czerwiński* 15 k.
„NALO KAJ DAMAYANTI" el sanskrito trad. de *Antoni Lange* 15 k.
TRI NOVELOJ": EN AŬTUNA VESPERO de Kończyński trad. *Gacki*, DEFENDO DE L' HONORO de Groller, LA ARLEKENO de Korczak trad. *Bejot* 15 k.
„AŬTUNAJ AGORDOJ" poemoj de Leopold Staff trad. *Julian Tuwim* 10 k.
„AL MOKANTOJ" originala artikolo de *St. A. Dobrzański* 05 k.

„ADRESARO de POLAJ ESPERANTISTOJ" 1909 j. Prilaboris A. B. Brzostowski 10 k.
„JĘZYK MIĘDZYNARODOWY ESPERANTO", arkusz propagacyjny,—1 k., 100 egz. 85 k.
„KLUCZ ESPERANTO" de Ĉefeĉ, pola eldono, 2 k., 50 egz.—80 k.; 100 egz. 1.50 k.
„SŁOWNIK ESPERANCKO-POLSKI" na jednym arkuszu. Naklejony 15 k., nienaklejony 05 k.
„SŁOWNIK ESPERANCKO-POLSKI" w broszurze, wydanie „Pola Esperantisto" 20 k.

„LA TAGIĜO", esperantista kanto de A. Grabowski (kun notoj) 10 k.
„KIEL ROMPITA VENTE ARBETO", Ario el opero „Halka", kun notoj. Trad. *A. Grabowski* 10 k.

Jarkolekto 1908 de „POLA ESPERANTISTO"—broŝurita
Jarkolekto 1909 de „POLA ESPERANTISTO"—nebroŝurita
Jarkolekto 1910 de „POLA ESPERANTISTO"—nebroŝurita
Jarkolekto 1911 de „POLA ESPERANTISTO"—nebroŝurita
po Rb. 1.50 — $ 1.00

Por la Abonantoj de „POLA ESPER." la supre nomitaj prezoj estas malgrandigataj.

---

Jako najlepszy podręcznik do nauki Esperanta dla początkujących poleca się:
Gramatyka i ćwiczenia L. L. Zamenhofa, wyd. Arcta 25 k.
Słownik esperancko-polski na jednym arkuszu . 5 k.
„ „ „ naklejony na tekturę 15 k.
Do dalszej nauki polecamy:
Fundamenta Krestomatio L. L. Zamenhofa . rb. 1.40.
Większy słownik polsko-esper. A. Grabowskiego rb. 1.60.

Obszerny słownik esper.-polski S. Czarnowskiego rb. 0.60.
Gramatyka języka Esperanto A. Zakrzewskiego rb. 0.80.
Unua Legolibro d-ra Kazimierza Beina . . rb. 0.75.
Kondukanto (Przewodnik) A. Grabowskiego rb. 0.90.

„Esperantysta Polski", miesięcznik w języku polskim i esperanckim, rocznie z „Dodatkiem literackim" z przes. poczt. . . . rb. 2.50

Powyższe książki nabywać można za pośrednictwem Adm. „Esperantysty Polskiego", Warszawa, Hoża № 20.

Druk L. Boguslawskiego, Ś-to Krzyzka 11, tel. 195-52.